**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Directora: María Aurora Viloria

Dirección y administración
Carreras Candi, 34 – 36
08028 BARCELONA

REDACTOR JEFE
Giordano Moya
Balmes, 38 Tel. (93) 7881839
TERRASSA (Barcelona)

COMITE DE REDACCION
Vicente Hernández Llusera
Gabriel Mora i Arana
Andrés Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutiérrez Adúriz
Antonio Marco Botella

Jarabono . . . . . . . . . . . 1500 p-toj

**ENHAVO**

La kovrilo: SFEROJ - 5. Speciala numero. Eldonisto Miguel Gutiérrez Adúriz.



Depósito Legal: VA. 616 – 1978
G.E.T.

UTILAJ ADRESOJ

Hispana Esperanto-Federacio
Carreras Candi, 34-36
Tel. (93) 240 26 62
08028 BARCELONA

PREZIDANTO. Salvador Aragay

VICPREZIDANTO. Luis María Hernández

SEKRETARIO. Víctor Ruiz

VICSEKRETARIO. Josep Miranda

KASISTO. Joan Font

Pagojn sendu al
Caja de Pensiones para la Vejez y de Ahorros. Libreta núm. 2.303-26
Agencia Riera Blanca, 436
08028 BARCELONA

JUNULARA SEKCIO (H.E.J.S.)
Sol, 75
41003 - SEVILLA

FERVOJISTA SEKCIO (H.E.F.A.)
Ronda S. Antonio 46-50, 2º 4º
08001 BARCELONA

TURISMA SEKCIO KAJ ELDONA FAKO
kaj "FUNDACION ESPERANTO"
Inés Gastón
Pº de la Constitución 35, 4º
5001 ZARAGOZA

LIBRO—SERVO
Luis Hernández García
Apartado 119
47080 VALLADOLID
Pagojn por LIBRO—SERVO
Cuenta Postal 3.118.078 VALLADOLID

ĈEFDELEGITO DE U.E.A. EN HISPANUJO
Juan Azcuenaga Vierna
Gral. Dávila 127, portal 7, 2º izda.
Tel. (942) 33 94 87
Cuenta Postal 03548531
39007 SANTANDER

OFICEJO
Rodríguez San Pedro, 13, 3º P-7
28015 MADRID

INFORMA OFICEJO
(Vakas)

# 47a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

**Kongresejo: Supera Lernejo por Min-inĝenieroj, strato Rios Rosas Madrido de la 16a ĝia la 20a de Aprilo**

## *SALUTO*

Post kelkaj tagoj, okazos en Madrido, sendube, la Esperanto-Festo plej grava el Hispanujo, nia tutlanda kongreso. Ĝi estos pro la multenombra aliĝado, en unu el la plej interesaj eventoj. Plie, danke al la granda aliĝo, de esperantistoj ne hispanaj kiel d-ro Humpherey Tonkin, prezidanto de Universala Esperanto-Asocio kaj William Auld, prezidanto de la Akademio de Esperanto, kiuj inaŭguros kaj fermos la kongreson, certe nia hispana kongreso, transformiĝos en unu el la plej gravaj internaciaj kunvenoj de Eŭropo, en la JUBILEA JARO.

Nun dekoj da esperantistoj, laboras ene de la L.K.K. ĝoje kaj efike, por ke vi ĝuu eksterordinaran feston. Sed, se vi, estimata leganto, ne profitas tiun ĉi unikan okazo, ĉeestante la kongreson kaj partoprenante aktive en la diversaj eroj de la programo t.e.: konferencoj, laborkunvenoj, oficialaj kontaktoj, planado de la estontaj projektoj ktp., la rezultoj de la kongreso ne havos sufiĉan energion kaj forton por antaŭenigi la oficialigon de Esperanto en la Internaciaj Organizaĵoj.

Tiel do aliĝu tuj al la 47a H.K. de E., preparu liston de viaj opinioj kaj deziroj. Via voĉo nepre estos aŭskultata.

Ni kunfestos la Jubilean Kongreson.

**HEF-Prezidanto**
*Salvador Aragay*

## LA REĜO DE HISPANUJO: HONORA PATRONO

La Reĝo de Hispanujo. L.M. Juan Carlos 1a, akceptis la Honoran Patronecon super de la Kongreso.

Al la Kongresa Honora Komitato aliĝis ministroj, rektoroj de Universitatoj, verkistoj, artistoj k.t.p. Plena listo aperos en la kongresa libro.

## LOKA KONGRESA KOMITATO

Prezidanto: Augusto Casquero de la Cruz
Vicperzidanto: Gian Carlo Fighiera

Eldonoj: Guadalupe Sanz Bueno
Loĝado: Juan Carlos Ruiz Sierra
Artaj programoj: Miguel Fernández Martín
Ekskursoj: Ana Montesinos de Gomis
Kongresejo: Juan Carlos Ruiz kaj Periko Villaroig.

## KIEL OFICIALE SALUTI DUM LA INAŬGURO

La urbaj kaj fakaj Esperanto-Asocioj en Hispanujo estas petataj elekti unu reprezentanton, kiu formale, sed tre mallonge (malpli ol unu minuton) salutu la kongreson iliafranke. Ankaŭ la eksterlandaj vizitantoj estos invititaj saluti la Kongreson.

La LKK informas, ke la Kongresan Inaŭguron partoprenos gravaj naciaj kaj lokaj eminentuloj kaj ĵurnalistoj. Tial, pro respekto al la ceremonio kaj por bona prezento de Esperanto, estas sugestinde, ke oni vestu sin konvene. Informu pri via reprezentanto rekte la prezidanton s-ro A. Casquero, Atocha 98 - 4° 28012 Madrido.

## MEMORAĴO: DU ĈEFVERKOJ DE LORCA EN ESPERANTO

Kune kun la kongresaj dokumentoj, ĉiu kongresano efektive partoprenanta la Kongreson (tamen, ne pli ol po unu kongresano el unu sama familio) ricevos kiel memoraĵon de la Kongreso de la Jubilea Jaro, unu senpagan ekzempleron de la traduko en Esperanto de du verkoj de Federico Garcia Lorca: "Sanga Nupto" kaj "La domo de Fernanda Alba", **la verkoj estas tradukitaj** de Miguel Fernández kaj aperas zorge de la Madrida Esperanto-Liceo kiel numero 23a de la prestiĝa serio de UEA "Oriento-Okcidento". La volumo enhavos enkondukon de d-ro Humpbrey Tonkin, prezidanto de UEA.

## CERVANTES KAJ ARRABAL LUDOTAJ EN ESPERANTO

Laŭ invito de L.K.K. ok geaktoroj de la Bulgara Esperanto-Teatro (BEA) flugos el Sofio al Hispanujo por prezenti du verkojn en Esperanto. Temas pri: "La groto de Salamanca" de Miguel de Cervantes kaj "Pikniko sur la fronto" de Fernando Arrabal.

## URBA AKCEPTO KAJ SENPAGA EKSKURSO

La Urbo Madrido oficiale akceptos kaj regalos la kongresanon, lundon 20an de aprilo je la 19a horo.

Krome, la Urbo disponigos aŭtobuson kaj ĉiĉeronon por senpaga vizito tra Madrido.

## ANTAŬMENDOJ DE LUNĈOJ

Dum la kongresaj Paskaj tagoj, kelkaj restoracioj proksimaj al la kongresejo estos fermitaj kaj tial la kongresanoj ne facile trovos solvon al sia demando pri rapida lunĉo.

Por helpi tiurilate la Kongrespartoprenantoj, la L.K.K. atingis ke la kongreseja restoracio funkciu de la 16a tago ĝis la 19a.



EL JEFE DE LA CASA DE
S. M. EL REY

Palacio de la Zarzuela
MADRID, 24 de febrero de 1987

Señor Don
AUGUSTO CASQUERO DE LA CRUZ
Presidente del Comité Organizador del Congreso Jubilar Español de Esperanto 1987.
MADRID

**Mi estimado amigo:**

**Acuso recibo con mucho gusto a su carta de fecha 12 del mes actual, solicitando Audiencia a Su Majestad el Rey, en favor del Comité Organizador de su presidencia y Federación Española de Esperanto.**

**Se ha tomado nota de esta petición, pues el completo programa a desarrollar no permite pueda contemplarse su concesión en fecha inmediata.**

**Una vez resulte posible fijar día y hora para la formulada, me complacerá comunicárselo.**

**Le envía un atento saludo su buen amigo,**

MARQUES DE MONDEJAR

## ANTAŬ LA 100–JARA JUBILEO DE ESPERANTO
## –OPINIOJ–
## 4

Nu, baldaŭ ni festos la 100 jaran datrevenon de Esperanto. Post serioza bilanco, ni nepre devos okupiĝi pri la estonteco. Kion fari?. Ĉu daŭrigi sur la sama vojo, kio signifos relativan stagnon, kiel dum la lastaj kvindek jaroj, aŭ elekti aliajn laborsistemojn pli efikajn. Estas vere, ke minimume oni devas forlasi du tabuojn, kiuj neniel helpas la Esperantan malvolviĝon. Unu el ili estas la supera ideo, ke Esperanto troviĝas super kiu ajn interpreto de ordinara movado, destinita nur al la homoj bonkoraj. Tio estas alia erara opinio. Se ni vere deziras, ke ĉiu mondano aŭ universano parolu Esperanton, nepre ni devas akcepti tiujn homojn, kiuj laŭ la ekzistantaj leĝoj, estas malbonaj. Ho ve!, kia feliĉo se Esperanto jam kapablus meti ĉiun erareman homon en la ĝustan kaj justan vivon. Mi ofte diras, ke se ni vere deziras la venkon de Esperanto ĝin nepre devas paroli la policisto kaj la rabisto. Esperanto ne estas lingvo nur por la bonaj homoj, ĉar unue oni devas scii, kiu estas bona kaj kiu estas malbona.

Ofte mi aŭdis diri: tiu sinjoro ne rajtas esti esperantisto. Kial ne?. Eble la konduton en diversaj aspektoj de lia vivo ni devas ne aprobi, sed ni jam devas defendi lian esperantitecon. Estas iuj esperantistoj tiel puraj, tiel senpekaj, ke ili akceptas Esperanton, kiel (ion) sanktan, kaj kion, ili faras estas prezenti la Esperanto-Movadon kiel sekton. Aliaj opinias, ke pri iuj sociaj problemoj, nia Internacia Lingvo ne devas okupiĝi. Laŭ ili, kaj laŭ ilia pensomaniero Esperanto taŭgas nur por diri: bonan tagon, kiel vi fartas?, ĉu la vetero estas bona? por skribi aŭ traduki librojn, kies enhavo estu "bona"; por interŝanĝi poŝtmarkojn, viziti korespondanton, kun kiu jam dum longaj jaroj rilatiĝas letere pri literaturo, sano, vetero ktp. Tio jam estas limigi la forton kaj destinon de Esperanto. Nia lingvo havas pli grandan ambicion, nome, servi kiel komunikilo por plej bona interkompreno inter la homoj en ĉiuj, absolute en ĉiuj facetoj de la vivo, ĉu bonaj aŭ malbonaj, kun la sublima celo perfektigi nian vivon en ĉi tiu valo de larmoj.

La alia tabuo estas la opinio de granda nombro de esperantistoj, kiuj opinias, ke Esperanto ne devas miksiĝi en politiko. Nu, ni revenas al la sama demando, ĉu Esperanto devas paroli ĉiu homo aŭ ne?, aŭ, ĉu la politikistoj kaj ĉio kio odoras politike devas resti for de nia movado?.

Io estas vera, Esperanto kiel lingvo devas resti for de kiu ajn politi-

ka tendenco, ĉar ĝi estas propaĵo de neniu politika organizaĵo, do, Esperanto kiel lingvo restu neŭtrala. Sed la Esperanto-Movado ne povas resti neŭtrala, tio ne eblas se ni vere deziras atingi la plej altajn instancojn por la fina venko. Jes, povas ekzisti organizaĵoj esperantistaj, kiuj povas resti marĝene de la politiko, kiel la Akademio de Esperanto, UEA mem kaj aliaj naciaj kaj organizaĵoj aŭ grupoj, se ilia membraro tion deziras. Sed la homoj, la personoj apartenantaj al tiuj organizaĵoj ne nepras, ke ili estu sen politikaj opinioj. Kaj unu el niaj taskoj estas varbi ĉiujn politikistojn por nia afero. La tasko evidente estas senmezura. Sed la Esperanto-Movado devas akcepti tiun defion. Ĝuste tiu dato, la 100-jara jubileo de Esperanto, estas tre oportuna startpunkto por komenci, serioze, trankvile, sed senpaŭze, tiun laboron. Ĉiu esperantisto apartenanta al kiu ajn politika tendenco devas agadi, agitadi siajn politikajn kamaradojn por la enprogramigo de Esperanto, okaze de balotoj aŭ aliaj politikaj eventoj. Ni devas forlasi tiun absurdan neŭtralecon, kiun tiom bremsas la diskonigon de Esperanto. Krome, kie estas la neŭtraleco?. Kiu kuraĝas diri, mi estas neŭtrala? Vera neŭtraleco ne ekzistas. La simpla esprimo de opinioj, signifas ne resti neŭtrala. Eĉ ordinara virino, kiu neniam okupiĝas pri politiko, ne estas neŭtrala, kiam ŝi kritikas la altajn prezojn de la varoj, kaj eĉ se ŝi pravas, ŝi ja ne estas neŭtrala.

En la grandaj forumoj internaciaj de la politiko devas leviĝi la sonoj de la Esperantaj vortoj. Kiam la gigantoj de la politiko uzos Esperanton estos kiam ni povos festi nian triumfon. Tamen, se ni persistas en tiu nekomprenebla neŭtraleco, ni restos for de la grandaj eventoj internaciaj kaj nia movado estos specimeno de bona, sed ne efika rimedo por ebligo de plej bona komunikado, por ankaŭ plej bona interkompreno inter la homoj. Esperanto por la turismo, sed ankaŭ Esperanto por la politiko. Restu en tiu pasiva neŭtraleco, tiuj Esperantaj Organizaĵoj, kies tasko estas la zorgado de Esperanto pri gramatikaĵoj, instruado de la lingvo, tradukarto, esperantologio, k.t.p.

**Luis Serrano Pérez**

---

# NEKROLOGO

La esperantistoj havas la grandan aflikton, komuniki la forpason de samideano Juan García Pintado, okazinta la 3an de februaro, 1987, en Kartageno.

Li estis la animo kaj forto de la esperantismo en Kartageno. AMIKO DE LA HOMARO, RIPOZU PACE.

# 22a KATALUNA KONGRESO DE ESPERANTO KAJ 26aj INTERNACIAJ FLORAJ LUDOJ

En Lleida, dum la tagoj 1a kaj 2a de novembro, okazis la 22a Kataluna Kongreso de Esperanto. El la programeroj elstaris la disertacio de Antono Alonso Núñez pri "Piriĉigaj tendencoj en la konjugacio de Esperanto: tempo, aspektoj, gradoj, statoj"; la Arta Vespero konsistanta el koncerto de la koruso de Mataró "Printempo por la Paco", kaj la 26aj Internaciaj Floraj Ludoj. Ĝia festparolantino estis Anna Brenan. Gabriel Mora i Arana, kiel Sekretario de la Floraj Ludoj, en sia sekretaria memuaro faris tre profundan historian studon pri Lleida, katalunaj poetoj, la rakonto "La prizono de Ilerdo" kaj la Floraj Ludoj de la jaro 1925 en Palma de Mallorca". Sekve li legis la **verdikton**, kiu estas la jena:

**NATURA FLORO** kaj **EGLANTERIO:** LA UNUA PRINTEMPO
Aŭtoro: Timothy Brian CARR – Anglujo.

**ROZO:** KANZONO ROĤNROLA
Aŭtoro: Timothy Brian CARR – Anglujo.

**VIOLO.** Ne aljuĝita.

**PREMIO "FREDERIC PUJULÀ I VALLÈS":** LA AŬTOMATA PORDO AL FERMITA ESTONTO
Aŭtoro: Wolfgang GUNTHER – F R Germanujo.

**PREMIO "JAUME GRAU I CASAS":** Ne aljuĝita.

**PREMIO "ARTUR DOMÈNECH I MAS":** Ne aljuĝita.

**Honoraj mencioj je la EGLANTERIO:** LIDIA
Aŭtoro: Carmen MALLIA – Malto.
KARELIO
Aŭtoro: Antonina APOLLO – Entonujo.

**Honora mencio je la VIOLO:** LA PONEO
Aŭtoro: Wolfgang GUNTHER – F R. Germanujo.

**G. M. E.**

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

Mi serĉas letero-geamikojn – Heinz Siegel – DDR 9200 FREIBERG, DammstraBe 49 c

# HISTORIO DE LA HISPANA ESPERANTO – MOVADO

## LA UNUA HISPANA LERNOLIBRO DE "ESPERANTO"

Oni kutime legas ke s-ro José Rodríguez Huertas publikigis en 1980 la unuan hispanan gramatikon de nia Internacia Lingvo; tamen, malofte, oni sciigas nin pri alia grava afero: ĝi estis la unua libroforma propono de reformoj al Esperanto.

Ĝia kompleta bibliografia referenco estas: JOSE RODRIGUEZ HUERTAS: **Gramática, Ejercicios y Diccionario de la Lingvo Internacia del Doctor Esperanto.** Imprenta de Manuel Cerbán, Baños Delicias, Málaga, 1890. 51 paĝoj. 15 x 11 cm.

Tiu verko estas listigita sub n-ro 36 en kolekto de "Literaturo de Internacia Lingvo".

En ĝia "Antaŭparolo" li montras siajn sciojn pri diversaj provoj de internacia lingvo, ankaŭ pri hispanoj kiel Traigya; D. Pedro López y Martínez, de Sanlúcar de Barrameda; kaj D-ro Sotos Ochando.

D. J. Traigya estas citita de Stojan kaj Drezen (ĉi lasta skribas "Traygia"), kiuj tamen ne sukcesis ricevi iujn certajn informojn pri lia laboro.

D. Pedro López y Martínez aperigis verkon titolitan **Projekto o Bases de lengua universal**, en Sanlúcar de Barrameda (Cádiz), 1852.

Pastro Bonifacio Sotos Ochando (Casas Ibáñez, Albacete, 5 – 6 – 1.785; Múnera, Albacete, 9 – 11 – 1.869) publikigis **Proyecto y ensayo de una lengua universal y filosófica**, kies dua eldono estis presita ĉe Imprenta de J. Martín Alegría, Madrid, en 1852. Ĝi enhavis 264 paĝojn, 20,5 cm. Laŭ Stojan, ĝi represis kvin artikolojn aperintajn en "El Heraldo", 1845. D-ro Sotos Ochando aperigis en 1.854 alian klarigan verkon **Cuadro Sinóptico del ensayo del Diccionatio de la lengua universal**, presita ĉe Imprenta á cargo de D. Antonio Pérez Dubrull, calle de Valverde, 6, bajo, en Madrid. Franclingva traduko aperis en 1.865. Pliaj verkoj kaj lernolibroj estis eldonitaj, la lasta en 1.885, pri tiu lingvo-projekto.

S-ro Rodríguez Huertas montris sian erudicion sur la tereno de tutmonda lingvo kaj li menciis aŭtorojn kiel Charles Menet, kiu eldonis sian ideon, **Grammaire élémentaire de la langue universelle**, en 1.886; J. M. Schleyer, aŭtoro de Volapük; kaj ankaŭ li citis projekton "Lingua", kies aŭtoron —George Henderson— li ne memoris (ĝi aperis en 1.888).

Do, oni povas konstati ke li havis suficê profundan scion pri antaŭaj kaj tiamaj klopodoj por universala lingvo. Li eĉ konfesas ke dank' al Schleyer, li havis aktivan korespondadon kun eksterlandanoj. Poste, li rakontas pri malfacila vortaro de Volapük kaj avantaĝoj de tiu nova Linguo Internacia, kiun li prezentas.

En la gramatika parto, li montras unue la alfabeton kun 25 literoj: **a, b, c, ĉ, d, e, f, g, ĝ, h, i, j, k, l, m, n, o, p, r, s, ŝ, t, u, v, z**; sed, li forgesas aldoni alian literon kiun li uzas: **y**.

Tamen, kiel konstatis Drezen, li enkondukis unuajn provojn reformi esperantan alfabeton, ĉar li anstataŭigis esperantajn **j** kaj **ĵ** per respektive **y** kaj **j**. Li rigardis **ŭ** kiel simplan **u**.

Li daŭrigis la verkon per klarigoj pri ĝenroj kaj pluraloj (notu ke **libro, libroj** fariĝis **libro, libroy**).

Plian ŝanĝon, ankaŭ konstatitan de Drezen, ni trovas kiam li traktas deklinacion, ĉar li forigis finaĵon de akuzativo. Tamen, en la vortaro, li tradukas **n** per "ĝi signifas la akuzativon de personaj pronomoj kaj ankaŭ la direkton".

Laŭ tiama metodologio, li pritraktas artikolon, substantivon, adjektivon —inkluzive numeralojn, kie ni trovas **kuar** kaj **kuin**—, pronomojn, verbojn kaj adverbojn.

Per "Fundamentaj principioj de la Linguo Internacia", li prezentas la 16 regulojn starigitajn de D-ro Zamenhof kiel esencajn, sed laŭ alia ordo li mencias ilin.

Kaj li finas tiun parton per pritrakto de prefiksoj kaj afiksoj, kie ni trovas **ey** anstataŭ **ej**, laŭ lia metodo anstataŭigi **j** per **y**. Ankaŭ ni legas **pregi**, **pregeyo** —same, ni trovas **pregi** en la vortaro— anstataŭ **preĝi** kaj **preĝejo**.

Interesaj estas liaj komparaj tekstoj en volapük, lingua, linguo internacia kaj kastilia.

Ekzercoj (**ekserciciol**) elprenitaj el diversaj zamenhofaj verkoj, laŭ lia propra informo. Li prezentas religian preĝon **Patro Nia** kaj poste **El la Biblio** kaj du leterojn.

La adresaro, verŝajne eltirita el la adresaro enhavanta nomojn kaj adresojn de la unua milo da esperantistoj, entenas 34 adresojn, inkluzive tiujn de D-ro Zamenhof, Schmidt, de Beaufront, Phillips, Einstein, k.a. Unusola hispana adreso troviĝas en ĉi tiu lernolibro —la sola kiu aperas en la menciita adresaro—, ĝi estas tiu de s-ro Joaquín de Arce Bodega, unua hispano kiu esprimis sin favore por Esperanto.

Sub ĉapitro pri "Bibliografio", li listigis aron da verkoj tiam aĉeteblaj ĉe D-ro Zamenhof. Tie ni trovas jenajn: lernolibro kiel **Dua Libro de l'Linguo Internacia**; tradukoj kiel **La Neĝa Blovado** aŭ **La Gefratoj**; vortaroj kiel **Vortaro Esperanto-hispana** (la unua tiaspeca), de E. de Wahl. kaj eseo kiel **Internacia ou Volapük**.

Laŭlonge de tiu verko li enkondukis en la lingvon diversajn modifojn, kies kaŭzojn li klarigas: a) prezenti ĝin al niaj samlandanoj en vesto ekstreme facila; kaj b) pro bezono solvi presajn malfacilojn. Jen tiuj modifoj:

1) **Hodiaŭ, ankaŭ, almenaŭ, apenaŭ** —nedeklinaciaj vortoj finiĝantaj per **ŭ**— ne povas esti maldistingataj disde imperativaj formoj. Tial li anstataŭis tiun **ŭ** per **u**.
2) Vortojn kiuj havas literon **v** en sia radiko, kies sono ekvivalentas al tiu de kastilia **u**, li skribis per **u**, kiel **akuo, linguo, kuar, kuin** (anstataŭ **akvo, lingvo, kvar, kvin**).
3) Li metas akuzativon post verboformo kaj ne uzas finaĵon. Ekzemploj: Mi legas via letero; vi amas Dio; ni amas-vi; vi amas-ni (li emfazas oportunecon uzi streketon por disigi verbon de akuzativa pronomo) kaj tiujn frazojn li uzis anstataŭ la ĝustaj: Mi legas vian leteron; mi amas Dion; ni amas vin; vi amas nin.
4) Por eviti kreon de nova litero; ĵ; li anstataŭigas —j— per **y** kaj **ĵ** per **j**, ĉar laŭ D-ro Esperanto **j** sonas kiel kastilia **y**.

Eble per korespondemuloj, li prezentas interesajn sciigojn kaj informojn pri tiamaj Ruslando, Aŭstrio-Hungario kaj Germanio.

La "Vortaro" enhavas 613 vortojn kaj estas esperanta-hispana. Tamen, estas multaj aliaj vortoj menciitaj en la gramatika parto, kiuj ne aperas en la Vortaro, kiel patro, bona, telegrafo, formo, emancipi, kalkulo, figuro, desinfekti, amiko, vino, zorgo, k.a.

Alia grava parto de tiu gramatiko estas "Reformo proponita de Málaga". Lia (aŭ ilia) propono pri reformo de Esperanto fakte estas adapto de la artikol-sistemo de la kastilia lingvo al esperanto. Tiamaniere anstataŭ diri **la ĉevalo, la ĉevalino, la ĉavaloj, la ĉevalinoj**, li proponis uzi **le, une** por virnomoj kaj iliaj oficoj kaj bestoj; **la, una**, por virinnomoj kaj iliaj oficoj kaj bestinoj; kaj fine, **lo, uno**, por aĵoj; respektive, la pluraloj estus **ley, uney, lay, unay, loy, unoy**. Do, la ekzemplo fariĝus **le ĉevalo, la ĉevalo** (ĉar nun oni ne bezonas ŝanĝi nomon, ĉar ĝenron indikas la artikolo), **ley ĉevaloy, lay ĉevaloy**.

Argumente li rigardis tion konvena por kono de vortoj kaj ilia rapida traduko, ĉar la artikolo indikus ĉu temas pri personoj aŭ bestoj de unu aŭ alia sekso, aŭ temas pri aliaj aĵoj.

En tiu libro ankaŭ anonciĝas, en kastilia kaj franca lingvoj, vendisto de lokaj vinoj.

Alia interesaĵo estas kompleta listo de vendistoj de tiu lernolibro. Ĝi povas helpi serĉadon kaj eventualan eltrovon de ekzempleroj en tieaj bibliotekoj. Jen tiu listo, alfabete ordigita: Alicante, Badajoz, Barcelona, Bilbao, Cádiz, Coruña, Córdoba, Huelva, Lérida, Mahón (Baleares), Orense, Oviedo, Pontevedra, Palma de Mallorca, Salamanca, San Sebastián, Santa Cruz de Tenerife, Sevilla, Tortosa, Valencia, Valladolid, Vélez-Málaga, Vitoria kaj Zaragoza.

Ankaŭ en kastilia kaj franca lingvoj, li klarigas rifuzon de aŭtoraj rajtoj kaj bonvole petas represon aŭ tradukon de la lernolibro, por diskonigo de la nova lingvo tra ĉiuj civilizitaj landoj.

Aliaj verkoj de la sama aŭtoro, s-ro Rodríguez Huertas, estas **Gramática Castellana** (Kastilia Gramatiko), **Doctrina e Historia Sagrada** (Sakraj Doktrino kaj Historio) kaj **Biblioteca Escolar Económica** (Malmultekosta Lerneja Biblioteko). Tiama lia adreso, kie ankaŭ eblis aĉeti lian verkaron, estis Almacenas, 12, en Málaga.

Post kelkaj jaroj D-ro Zamenhof klarigis en la revuo **Lingvo Internacia** (1.896), ke tiu verko "tute ne povas esti uzata..."

Ekzempleroj de tiu gramatiko estas malfacile atingeblaj, tamen ni povas informi ke ĝi troveblis en iama fama Biblioteko de Georgo Davidov (Saratov, Sovetunio). Kaj nun ni scias ke ekzemplero estas en la Biblioteko Hodler de Universala Esperanto-Asocio kaj en Hispana Esperanto — Muzeo. Ni ankaŭ povas informi ke ĝi ne troviĝas en Internacia Esperanto — Muzeo en Wien, kaj ni ne sukcesis trovi ĝin en publikaj bibliotekoj de Málaga: Urba Arkivo, Biblioteko de Kultura Domo kaj Biblioteko de la Deputitejo.

**Juan Azcuénaga Vierna**

---

## INTERNACIE

---

### Bibliografio


JOSE RODRIGUEZ HUERTAS: **Gramática, Ejercicios y Diccionario de la Linguo Internacia del Doctor Esperanto.** Imprenta de Manuel Cerbán, Baños Delicias, Málaga, 1890. 51 paĝoj. 15 x 11 cm.

**Katalogo de la Biblioteko de S-ro Georg Davidov. Ruslando, Saratov. Majo 1.887 — Majo 1.908 (Por 21 jaroj)**. Möller & Borel. Berlín, 1908. Dua eldono ĉe Germana Esperanto-Ligo, 1911, 130 paĝoj.

PETRO E. STOJAN (1.884 — 1961): **Bibliografio de Internacia Lingvo.** Unua eldono 1929. Fotorepreso. Hidesheim —New York: G. Olms, 1973. 560 paĝoj. 23 cm.

ERNEST DREZEN: **Historio de la Mondolingvo. Tri jarcentoj da serĉado.** Eld. Ekrelo, 1931. Tria eldono. Pirato. Oosaka, 1967. 242 paĝoj. 26 cm.

**Enciklopedio de Esperanto.** Budapest, 1933. Fotorepreso: Hungara Esperanto-Asocio. Budapest, 1979. 604 paĝoj. 23 cm.

VICENTE HERNANDEZ LLUSERA: **Subteninda Institucio**, en **Boletín** de la Federación Española de Esperanto, mayo-junio 1976, nº 215.

BERNARD GOLDEN: **Zamenhof kaj la Hispana Lingvo,** en **Boletín** de la Federación Española de Esperanto, mayo-junio 1980, año 17, nº 239.

**NOVAJ MEMBROJ:** Milán Sudec, David Galadi, Juan Antonio Jimenez, Xesús Muinos, Frances Casanovas, Evelyn Calap, Natxo Apaologa, Rafael Blanco, Jesús Miguel García kaj Junulara E-Grupo de Santa Coloma de Gramanet (Barna.)

**PLIAJ DUMVIVAJ MEMBROJ:** Carmen Llapart kaj Cesar Mostegrín.

**AVIADILA KARAVANO AL VARSOVIO EN 1987 POLLANDO**
Oficiala agentejo: VIAJES IBERIA, Rambla Estudios, 130 08002 BARCELONA, Tel.: 317 93 20
Tago de la eliro, 22a de Julio (Merkrede). Tago de la reveno, 2a de Aŭgusto (Dimanĉo). Restado en Pollando 11 tagoj. Eliro de Barcelono 42.000 p-toj, kaj hotelo unua klaso 61.300 p-toj, entute estas 103.800 p-toj, por unu persono. La prezo ne inkluzivas la jenajn aferojn: Ekskursoj, kulturaj vizitoj, bankedoj, nek la aliĝo al la 72a Universala Kongreso de Esperanto.

**KAMPANJO E-100 DE HISPANA JUBILEA KOMISIONO**
Subvencioj kaj donacoj por la Centjara Jubileo de Esperanto.

| | |
|---|---|
| Grupo Esperanto AŬRORO de Formiga Martinense | 4.000 p-toj |
| Pedro Alcedo | 100 p-toj |
| Evelio Calvet | 500 p-toj |
| Maria Vila | 100 p-toj |
| Juan Martínez | 500 p-toj |
| Andaluzia Esperanto Unuiĝo | 3.500 p-toj |
| ENTUTE: | 8.700 p-toj |

**HISPANIO – HISPANIO**
La turisma broŝuro HISPANIO – HISPANIO (15.000 ekzempleroj), eldonita de la Ministerio pri Turismo kaj Hispana Esperanto-Federacio mirigis la tutan mondon. Alvenas al nia sidejo multaj gratuloj, ekzemple:

*Dankon pro la bela broŝuro pri Hispanujo*
*kaj multajn bondezirojn por la jaro 1987a*
*Amike*

*Renato Corsetti (Italujo)*

Ni mencias ke la tradukon de la turisma broŝuro faris nia elstara kunlaboranto Vicente Hernández el Sabadell.

**SENDU DANKLETERON KAJ MENDON REKTE AL:** S-ino Carmen Paulogorrán. Secretaria General de Turismo, Ministerio de Transportes Turismo y Comunicaciones. SECCION DE EDICIONES, strato Maria Molina, 50, 3º 28006 MADRID

**REDAKCIO**
La redakcio alvokas la **HEF-anojn** por ke ili kunlaboru en "Boletín", preferinde per konciza stilo.

G.M.E.

# NIAJ GRUPOJ

## LA ZAMENHOF–FESTO EN BARCELONO

### BARCELONA

Barcelona Esperanto-Centro, la 15an de decembro, ĝuste la Zamenhof-tagon, solene festis la naskiĝtagan jubileon de Zamenhof.

Al la salutoj de la HEF-estraro kaj BEC-estraro, sekvis disdonado de insignoj al la novaj geesperantistoj; disdonado de donacoj al la plej aktivaj BEC-membroj; prezentado de la ĵus nova eldono de la vortaro "Esperanto-Español" de E. Tudela Flores.

Giordano Moya sciigis, ke lia verko "La Homa Vivaventuro" jam estas presata kaj klarigis la temon de la verko.

Fine, post lunĉo kaj vespermanĝeto, okazis la adiaŭo.

En "Centre Comarcal Llaidatà" la 13an de decembro. Ĝia Esperanto-fako "Firma Tero" inaŭguris ekspozicion pri "Esperanto kaj la Komunikiĝoj", kaj oni prezentis en VIDEO la teatraĵon "Senintermita Kanto" de Santiago Russinyol en Esperanta traduko de Ricard S. Güell.

En "Klubo de Amikoj de UNESKO", la 20an de decembro: Bonvenigis la ĉeestantojn la prezidanto de la Klubo Josep Martínez de Foix. La junulo Jordi Verdaguer paroladis pri "Gejunuloj kaj la Paco", kaj Josep Inglada malvolvis la temon "Esperanto: 2a Jarcento". Ricard S. Güell recitis la poemon "Kanto de la Klara Vivo", kaj la junuloj Xavier Rodón kaj Pep Tordera ludis muzikon akompanate de kanzonoj en Esperanto.

Esperanto-Grupo Aŭroro de la Kooperativo "La Formiga Martinenca" ankaŭ festis la 127an Datrevenon de la Naskiĝo de Zamenhof en sia sidejo Provenza, 595.

### BILBAO

La Grupo Esperantista de Bilbao aperigas novan bultenon "NIA PONTO". Ĝi estas prezentita tiel: ke "NIA PONTO" estu simbolo de plia ankti-veco ekde la 80a datreveno de la fondiĝo de nia Grupo kaj ĝuste ĉe la sojlo de la dua jarcento de la Esperanta vivo.

## CORDOBA

La Junulara Grupo de Esperanto de la Gimnazio SENECA en Kordovo daŭrigas sian laboradon, kaj ĉefe la jaran elementan kurson de la internacia lingvo, kiu okazas en la Gimnazio, kie la grupo havas la sidejon.

Dum la kursfina festo de la pasinta jaro en tiu mezgrada lernejo la direktoro invitis la profesoron de Esperanto prezidi la aktojn kune kun la Estraro de la Gimanzio, kaj disdoni diplomojn kaj trofeojn neesperantajn al la gelernantoj; dum ĉi tiu akto la direktoro reliefigis la gravecon de la esperantofako en la kultura agado de la Gimnazio SENECA.

En Oktobro komenciĝis nova elementa kurso, jam la 6-a, kiu okazas en la Gimnazio, ĉi tiu kurso finiĝos en Februaro, kaj inter la novaĵoj ni devas elstarigi, ke la estraro de la Gimnazio oferis al ni uzi la novajn komputilojn de la Gimnazio. Ni devas diri, ke la Instituto SENECA estas unu el tiuj mezgradaj lernejoj kie oni instruas la novan BUP per komputiloj. Do, ni pensas, ke nia grupo estas unu el la unuaj grupoj en Hispanio, kiuj uzas informatikan apogon por la instruado de la internacia lingvo, kio estas rezulto de la 3-a Andaluzia Kongreso de Esperanto, kies ĉeftemo estis Esperanto kaj Komputiloj; krome eble ankaŭ dum ĉi tiu kurso ni uzos la video-servon de la Gimnazio por prezenti eksterlandajn video-filmojn en Esperanto al la membroj de la grupo.

## GIRONA



# "ĴAŬDAJ PAROLHOROJ" EN SEVILJO

Oni organizas de antaŭlonge en la sidejo de Sevilja Esperanto-Akademio, sub la aŭspicioj de S.E.J.O. kaj H.E.J.S., la tiel nomataj "Ĵaŭdaj Parolhoroj". Ili konsistas en tio, ke dum duonhoro iu el niaj samideanoj parolas pri iu temo de li pli-malpli regata, kaj poste sekvas kvaronhora debato. Jen raporto pri tiuj "Ĵaŭdaj Parolhoroj" okazintaj de oktobro ĝis decembro 1986:

9–an de oktobro: Luizo Gilpérez parolis pri **Cikloturismo.**

23–an de oktobro: Alberto Franco enkondukis la aŭskultantojn en la temon **Dialektologio.**

30–an de oktobro: Antono Rodríguez faris al ni enkondukon en la **Klimatologion.**

6–an de novembro: Eduardo González eksponis la temon **Konsekvencoj de la rotacia termovo.**

20–an de novembro: Francisco A. Antúnez tre lerte kaj skize klarigis la funkciadon de **Elektraj Centraloj.**

27–an de novembro: Pablo J. Romero eksponis al ni la studojn, kiujn pri faŭno realigis lia ekologia grupo en tiu zono. Tre interesa prelego sub la titolo: **Faŭno en la Sevilja Gvadalkivira Doko.**

4–an de decembro: Juan de Dios Mentete parolis pri tre trafa temo por tiu dato (la nacia tago de Andaluzio): **Vivo de Blas Infante,** rekonita kiel la patro de la andaluzismo. Li komprenebla ne forgesis mencii la esperantistecon de S-ro Infante.

Jen skiza raporto pri la ĵusaj "Ĵaŭdaj Parolhoroj". Ni rekomendas al ĉiuj esperanto–grupoj fari similan agadon. Ĝia utileco estas nediskutebla.

**Raportanto**

---

### DEZIRAS KORESPONDI

Esperanta literaturo ege interesas min. Tial mi deziras interŝanĝi esperantajn librojn kun ĉiuj

S-ro XIE NONG
P.O. Kesto 8510
ShaSki
HUBEI (Ĉinio)

## H.E.J.S., JUNULARA SEKCIO DE HEF KAJ LANDA SEKCIO DE TEJO

### ŜANĜO DE LA ESTRARO DE HEJS

---

La antaŭa estraro de HEJS montris jam delonge grandan lacon pro la laboro, kiun en la lastaj kvar jaroj ĝi devis plenumi. Dum tiu periodo ĝi restarigis el nenio hispanan esperanto–junularon kun la minimumaj financaj kaj organizaj fortoj por serioza agado. HEJS rehavigis al si gravan rolon kaj prestiĝon en la nacia kaj internacia esperantaj medioj. Tiu giganta penado "bruligis" la entuziasmon de la estraraj aktivuloj, kiuj ja merite postulis renovigon de la organoj de HEJS intencante dediĉi sin plej intense al aliaj esperantaj entreprenoj.

Antaŭ en la lastaj jaroj montriĝis klara reviglîĝo de la junularaj agadoj en Andaluzio. Ĝuste tie troviĝis novaj entuziasmuloj, kiuj respondece reagis, je la voko de la antaŭa madrida estraro. Tio ja estas nova pruvo pri la pozitiva marŝo de HEJS, kiu unuafoje sukcesis renovigi sian estraron neriskante malaperi.

Fine de junio kelkaj konataj seviljaj aktivuloj akceptis kandidatiĝi por la estraraj postenoj. Per tuj okazigita posta voĉdonado de la komitato oni akceptis ilin kiel novan estraron. Komence de aŭgusto ĝi ricevis la monon kaj havaĵon de la asocio, ĉar ĝi jam komencis aktive funkcii.

La antaŭa estraro deziras publike danki la sindonemon de tiuj novaj estraranoj, kiuj kuraĝe akceptis la pezan administran taskaron de HEJS. Ĝi deziras same malrespondecigi ilin pri ĉiu ebla eraro transdonita al ili. La eksprezidanto esprimas sian konvinkon, ke ĉiu individuo aŭ instanco apoginta jam en la lastaj jaroj la agadon de HEJS ree manifestos sian simpation al la nova estraro.

**La eksestraro**

### H E J S  N O V A Ĵ O J

Verŝajne la plej brua okazaĵo de nia junulara movado en 1987 estos la 11-a HEJS-renkontiĝo en Madrido, samtempe kaj kunlabore kun la de HEF organizata kongreso. Oni tiel celas kunvenigi homojn kaj penojn por komuna, inda festado de la centjariĝo de nia lingvo. Sekve, la ĉijara programo konsistos el junularaj programeroj interne de tiu ĝenerala, plus la tradiciaj aliroj de la junuloj al la malpli junaj kongresanoj ("HEJS sin prezentas" kaj similaj). Kompreneble, tio ebligos ankaŭ pli aktivan partoprenon de

la junuloj en la ĝenerala programo. Detalojn vi trovos aliloke. Tamen atentu la ekpenojn de Junaj Verkistoj kaj de Komputor-Amantoj Por Esperanto. Kaj laste: aliĝi eblas ankaŭ per la ĝenerala L.K.K.

Broŝuro pri Esperanto por junuloj tuj estos eldonita en la kastilia lingvo; nun pretiĝas eldonoj en aliaj hispaniaj lingvoj. Krome, ĵus aperis propaganda broŝuro de Madrida Esperanto-Junularo, kun teksto elplanita por ĝia specifa celgrupo.

Valencio havas novan komitatanon A en HEJS; li estas Ricardo García Tarín. Bonvenon en la komitato!

Kiel lastan novaĵon, mi informas, ke la estraro de HEJS sciigis pri duobla estrarkunveno en decembro 1986: Seviljo kaj Madrido. Tion necesigis la pliampleksigo de la taskoj de HEJS: ne nur sukcese diskonigi Esperanton al la junuloj, sed ankaŭ priatentigi kaj festi la jubileon.

Informis: **Rikardo F.A.R.**

## NOVA KATALOGO DE HEF–LIBROSERVO

---

Libroservo de H.E.F. sciigas al ĉiu membro de la Hispana Esperanto-Federacio kaj al ĉiu leganto de "BOLETIN" ke ĵus estis eldonita dudek paĝa katalogo enhavanta liston de libroj kaj esperantaĵoj mendeblaj al la menciita servo.

Ĉar, post la eldono de tiu katalogo, oni ricevis novajn titolojn, ili estis listigitaj en du paĝa listo kaj novajn listojn oni eldonos, kiam oni ricevos novajn titolojn kiujn, daŭre, oni mendas.

Se vi deziras aĉeti librojn, mendu tuj nian katalogon kaj memoru ke mendante librojn rekte al ni, vi kontribuas al la plifortigo de la ekonomia situacio de la Federacio, ĉar la profito el la vendado eniras, post dedukti la necesajn kostojn, en la kason de la Federacio.

Okaze de la Centjariĝo de Esperanto, Libroservo de H.E.F. proponas al vi la aĉeton de almenaŭ unu libro, ĉu por donaci al iu ajn eksterlanda amiko, ĉu por vi mem.

Ni atendas viajn mendojn kiujn ni plenumos plezure.

**Luis Hernández**

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

F-lo 24-jara, inĝeniero, kun esperantistino. Demecs Zsolt BUDAPEST KATÓKA u. 50 1163 Hungario.

# FUNDACION "ESPERANTO"
# Internacia Literatura Konkurso

## VERDIKTO

La 3-an de decembro 1986 kunsidis la membroj de la Patronaro de "Fundación ESPERANTO", F-ino Mª Pilar Sancho Rebullida, S-ro Víctor Ortiz, kaj F-ino Inés Gastón, sekretariino. Ankaŭ partoprenis la kunsidon, la membro de la Juĝkomisiono, D-ro José Olavide.

La sekretariino informis pri la poentoj asignitaj de ĉiu membro de la Juĝkomisiono, respektive S-ro Salvador Gumá (Reus, Hisp.), S-ro Gabriel Mora i Arana (Manresa, Hisp.) kaj D-ro José Olavide (Zaragoza, Hisp.).

Post trastudo de la informoj ricevitaj jen la rezulto de la Konkurso:

Premio "Sancho Rebullida" estas aljuĝita al la konkursaĵo "La sonorilo de Van Willem", subskribita de **Willems**.

Subpremio "Sancho Rebullida" estas aljuĝita al la konkursaĵo "**Fabelo el** la insulo Ré: La Sorĉistinoj", subskribita de **Monigbän**.

Tuj poste la sekretariino malfermis la identigajn kovertojn, kaj la aŭtoroj premiitaj estas:

Francisko KSAVERO MOLEOMO (Rotterdam, ML): Premio "Sancho Rebullida".

Bernard AVNIS (Strasbourg, F.): Subpremio "Sancho Rebullida"

La Patronaro de "Fundación ESPERANTO" dankas al la Juĝintoj pro ilia kunlaboro, kaj al la partoprenintoj pro ilia entuziasma klopodo viviga Esperanton per siaj verkoj.

Zaragoza (Hispanujo), la 15-an de decembro 1986-a

Inés Gastón
Sekretariino de "Fundación Esperanto"
kaj de la Konkurso

---

**DEZIRAS KORESPONDI**

Gerd Lutter. Karl-Marx-Str. 10 6570 ZEULENRODA DDR–GDR. Li estas junulo kaj komencanto.

## 10a INTERNACIA SEMAJNO DE ESPERANTO

La Kultura Centro de Montpellier proponas al vi lerni aŭ perfektigi vian scipovon pri Esperanto de la 13a ĝi la 20a de septembro 1987, en agrabla ferio en la havenurbo SETE.

Aliĝoj / Informoj: ESPERANTO, 5 rue du Dr. Roux, 34000 MONTPELIER, Francio.

## UNIVERSALA ESPERANTO–ASOCIO

La Redakcio ricevis la "Esperanto-dokumentojn" 22E, 23E, 24E, kiuj traktas pri "La Lingva Problemo en Turismo", "La Socia-politika, Pedagogia kaj Kulturaj Valoroj de Esperanto" kaj "La Lingva Problemo en Scienco kaj la Rolo de la Internacia Lingvo". Esperanto-dokumentoj priskribas la laboron, organizon, kulturon kaj historion de la Esperanto-movado. Ilin eldonas UEA.

## JUBILEA ESPERANTO–KONFERENCO, GRAZ, AŬSTRIO.

18a ĝis 25a de julio, 1987

Ĉeftemo: 100 jaroj de Esperanto-kulturo. Intertempe okazos la inaŭguro de la Jubilea Esperanto-monumento.

Informoj kaj aliĝoj: D-ro Klaus Perko, LENKAI 111, A–8020 Aŭstrio, Poŝtĉ. 1257.845.

**ZAGREB**, 2a ĝis 9a de aŭgusto, 1987.

"100 Jaroj de Esperanto-kulturo".

Informoj kaj aliĝoj: Kroata Esperanto-ligo, Amrŝeva 5/1 YU – 41000 Zagreb.

## EL LA "UNUA OFICIALA KOMUNIKO" DE LA 72a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

LA KONGRESA TEMO: En la 72a Universala Kongreso kulminos la festado de la Centjara Jubileo de la Internacia Lingvo. La Kongreso estos inaŭgurita la 26an de julio, precize cent jarojn post la tago, kiam en Varsovio aperis la Unua Libro de d-ro Zamenhof. La Estraro de UEA elektis por la Kongreso la temon "Esperanto – cent jaroj da internacia kulturo". La kongresa programo havos pli ol kutime, festivalan karakteron. La organizantoj atendas, ke ankaŭ la fakaj asocioj atentu pri la kongresa temo en la planado de siaj kunvenoj.

## SOLENA INAŬGURO DE KALOCSAY–BUSTO EN LIA NASKIĜURBO

La 9an de novembro de 1986, en ĉarma parko, kaj en solena silento, d-ro Vilmos Sághy kaj la lokaj urbogvidantoj Antalné Komjáti kaj Gábor Bényey inaŭguris la bronzan buston, kiun starigis la loĝantaro de Abaujszántó omaĝe al sia granda esperantista filo. Ili estas fieraj, ĉar tiu Kalocsay skulpto estas ĝuste en lia naskiĝurbo starigita kaj ĉefe unua estas en la mondo! La prezidanto de Hungara Esperanto-Asocio d-ro Vilmos Sáfhy diris festan parolon, gratulante la loĝantaron de Abaujszántó, kiuj tiel bele kaj inde rememoris pri Kalocsay. En la festparolo li alvokis la esperantistaron, ke ĉiu, en sia vivo, vizitu unufoje la urbeton Abaujsźantó por honori je la memoro de Kalomano Kalocsay.



## GASTADO EN POLLANDO

Edivars Kozyra –veterinaro– str. Mazoviacka, 23, PL –82 –200 MALBORK, Pollando, invitas kongresanon de UK de Esperanto loĝi en lia hejmo, antaŭ aŭ post la kongreso, kaj deziras labori unu monaton en Hispanio, se eble kun la edzino, instruistino de lingvoj franca, rusa kaj esperanta.

---

## DEZIRAS KORESPONDI

19–jaraĝa studento
ADEL HOSSEIN GORBANI
Jaghoob Hossein Ghorbani Shop
Sadat Mahalleh
RAMSAR (Irano)

# POEZIA ANGULO

**PREĜO DE ŜOFORO**
**en Esperanto**

Donu al mi, Dio mia, sekuran manon,
atentan rigardon kaj
respondecon dum la kondukado,
por ke sur vojo mia
al neniu mi faru malbonon.

Al Vi, sinjoro, kiu donas
kaj konservas la vivon,
mi petegas ke Vi gardu hodiaŭ
vivon mian kaj por ĉiam.

Ho, ĉiopova Dio, liberigu miajn
akompanantojn de malbono ĉia:
de kolizio, malsano, incendio
kaj ĉia akcidento.

Instruu min, kiel per veturilo
mi povus helpi pri necesaĵoj
de miaj geproksimuloj.

Gardu min, ke la rapideco troa
ne regu mian kondukadon
kaj ke mi povu admiri belaĵojn
kreitajn de Vi
kaj ke mi faru nek pekon,
nek ofendon kontraŭ Vi.

Do, Dio mia, estu por mi verega piloto,
ĉar Vi estas la Vojo, la Vero kaj la Vivo.

Tradukis el la Hispana: **KAMILO GRADAS**



MINISTERIO DE CULTURA

Subsecretaría

Plaza del Rey
28071-Madrid
Teléfono
Telex Cultura
Telegramas Cultura

Dña. Guadalupe Sanz Bueno
Presidente del Liceo Esperanto
c/ Atocha, 98
28012.- MADRID

Fecha 28 de Agosto de 1.986
Referencia MAM/MV
Asunto Concesión subvención.

Por resolución del expediente nº 6092/142, se comunica que la superioridad ha adoptado el acuerdo de conceder una subvención económica por importe de 100.000 Pts. (CIEN MIL PESETAS), al Liceo Esperanto, de Madrid, para el montaje de una exposición de libros, revistas y folletos en Lengua Esperanto, en la Biblioteca Nacional.

Se adjunta copia de la Orden Ministerial de aprobación de gasto.

Posteriormente le será remitido, por la Intervención Delegada de hacienda de este Departamento, el documento contable ADOK 450 con el que podrá efectuar el cobro correspondiente en la Dirección General del Tesoro, Plaza de Jacinto Benavente, 1 y 3.

A continuación se transcriben las prescripciones indicadas por la citada Intervención Delegada, relativas a este expediente:

"El beneficiario ha de justificar la subvención con arreglo a las normas establecidas por el artículo 80 de la Ley Gral. Presupuestaria, Decreto 12 de Septiembre de 1.964. Una vez realizado el Servicio deberá rendirse justificación con documentación de Caja".

LA DIRECTORA GENERAL,




Fdo.: Ana Puértolas Villanueva